

# LA VERDA LUPEO – FENIKSO




**Nr-o 70** **1986/3 Decembro** **17a jaro**

**Informilo de Esperanto Ligo Filatelista**
**– Faka asocio en UEA –**






**Informilo de ELF-AREK (Faka asocio en UEA)**
**Esperanto Ligo Filatelista**
**Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj**

| | |
|---|---|
| **Prezidanto/Kasisto:** | Ivar Paulsson, Skytteholmsvägen 29, S-171 44 Solna |
| **Stampobanko:** | Werner Heimlich, Fröbelstr. 4, D-3040 Soltau |
| **UEA-konto:** | elfx/r |
| **Poŝtkonto:** | 51 57 85-4, I. Paulsson, Solna, Svedujo |
| **Kotizo por 1987:** | 15 poŝtaj respondkuponoj, maldekstre stampitaj, aŭ 45 svedaj kronoj (15.– germanaj markoj, 7,5 usd). |

## *Vortoj de via redaktoro*

Nun ni staras sojle de la Jubilea Jaro! De niaj aktivuloj en nia klubo ni atendas multajn aktivecojn ankaŭ sur la filatelia kampo. Ni partoprenu kun niaj ekspozaj materialoj filatelajn ekspoziciojn ĝeneralajn, sed ankaŭ okazigu apartajn esperanto-filatelajn ekspoziciojn. Ankaŭ la erinofilistoj (glumarko-kolektantoj) kaj la insigno-kolektantoj kaj la bildkarto-kolektantoj en nia klubo utiligu eblecojn en koncernaj organizoj, partopreni en tiu-rilataj ekspozicioj. Ni verku artikolojn pri la centjara Esperanto por niaj naciaj filatelaj revuoj, kaj pri la esperanta filatelio por niaj esperantaj gazetoj. Bedaŭrinde ni devis entombigi nian grandan revon pri aperigo de "Plena Esperanto-filatela Katalogo", ĉar niaj klubaj geamikoj ne reagis al niaj alvokoj. Tamen momente en preparo estas nova E-pm-katalogo, kiu eble aperos en Ĉinio. Temas pri komerca entrepreno, kiu volis ĝin eldoni, tamen, vendokvanto de 200 aŭ 300 ekzempleroj tute ne povas kovri la preskostojn, kaj tial mi ne kredas je aperigo de tiu katalogo.

Cetere ankaŭ nia informilo "La Verda Lupeo" tute ne povus ekzisti el la kotizoj de niaj membroj. Dumil svedajn kronojn, t.e. proksimume 350 usonaj dolaroj, donacis niaj du amikoj Kurt Lindström kaj Ivar Paulsson en la jaro 1986 al nia kaso, kaj nur dank'al tio ni povas aperigi tiun ĉi informilon. Kaj ambaŭ estas laboristaj pensiuloj. Do, nur dank'al ili ni povas ricevi freŝdatajn informojn pri novaj filatelaĵoj! Danki mi volas ankaŭ al ĉiuj tiuj niaj klubaj geamikoj, kiuj 1986 denove sendis sciigojn por nia informilo. Sen tiu kunlaboro nia informilo ne povus ekzisti.

Kaj nun mi jam denove devas atentigi pri tio, ke denove venis la momento por pagi kotizon al Ivar Paulsson. Bonvolu ne prokrasti tion . . .

*via redaktoro R. Burmeister*
*W.-Firl-Str. 30, Karl-Marx-Stadt, 9047, GDR*

## Anguleto de Esperanto-poŝtmarkoj

### Jam ni konas 5 bavarajn E-pm

Post mia artikolo en la revuo "esperanto" pri nia agado mi ricevis novajn sciigojn pri tiu unua E-pm. Posedas ĝin klubaj amikoj en Usono, Belgio, GFR (2) kaj en GDR mi, stampita sur koverto en vertikala paro. La dua temas pri neesperantista entrepreno. El tio ni rajtas konkludi, ke nia bavara E-pm estas presita en folietoj kun aliaj reklamaj pm. Do, "kvarblokoj" ne ekzistas.

Cetere estis ofertita en pm-aŭkcio en junio en GFR la bavara E-pm kaj por 210.– gmk vendita. La minimuma prezo estis komence 90.– gmk. Temis pri neperfekta ekzemplero kun faldeto.

**Pm 24 havas du div. dentumojn!**

Hector Juarez Figueredo el Kubo skribis: "... La brazila E-pm de 1937, Ora Jubileo de Esperanto, ekzistas kun la dentumoj 11 kaj 12. Mi mem posedas ambaŭ ekzemplerojn. La franca katalogo Yvert skribas nur pri dentumo 11. En tre malnova eldono de la katalogo Scott tamen estas notoj pri ambaŭ dentumoj ..."

Dankon al nia amiko Figueredo pro tiu ĉi sciigo.

**Pm 6/7 – variaĵo**

Nia kluba amiko Werner Simon sendis plurajn kopiojn pri sendentaj E-pm. Inter ili ankaŭ kopioj pri la 14-kopeka SU-pm de 1927 kun la portreto de Zamenhof. Temas pri vertikala paro el supra pm-folio-rando, inter kiu mankas la dentumo. Cetere ni ja ankaŭ konas tiun komplete fuŝdentumitan kvarblokon de la sama eldono. Kompreneble tiuj variaĵoj ne estas katalogendaj, kiel ankaŭ ne la blua presprovo Pm 21, kion mi erare praktikis en nia pm-listo en la stampokatalogo de 1983.

**Esperanto-poŝtmarkoj novaj**

En la Jubilea Jaro de Esperanto certe aperos pluraj novaj E-pm. Kvankam oficialaj poŝtaj sciigoj nunmomente ankoraŭ ne atingis min, mi scias, ke la poŝtministerioj en GDR kaj Pollando donis taskon al grafikistoj, ellabori skizojn pri E-pm. El Moskvo mi eksciis, ke la sovetunia poŝto intencas emisii memorigan markokoverton (tutaĵon). Mi supozas, ke ankaŭ en pluraj aliaj landoj oni intencas aperigi E-pm, sed, kiel dirite, oficialaj sciigoj ankoraŭ ne ekzistas. Eble, kiam ĉi informilo estas ĉi vi, jam ekzistas tiaj. Tutcerte en la neksta informilo mi detale povos raporti pri ili!

## Niaj stampoj

**Pri AR 10**

Nia kluba amikino Teresa Bellalta Cusso el Argentino tuj reagis al la noto en nia lasta informilo pri tiu ĉi stampo. Laŭ ŝia letero okazis en la urbo Florencio Varela (15 km sude de Buenos Aires) la 46a argentina Esperanto kongreso 27–29 marto 1986. En la sidejo de la kongreso estis provizora poŝtagentejo dum 29a ĝis 31a de marto. Tie oni stampis per speciala poŝta stampo. Sinjorino Cusso aldonis koverton kun viola stampo. Bedaŭrinde poŝtvoje perdiĝis ŝia letero rekte sendita el la kongreso al mi. Dankon al vi, sinjorino Cusso pro tiu ĉi informo!

**ITA 40**

"Stampo uzita lundon 86.09.01 de la 9a ĝis la 15a" skribis nia kluba amiko Pignatelli pri tiu ĉi stampo. La stampo havas diametron de 39 mm kaj la tekston:

57a CONGRESSO ITALIANO DI ESPERANTO

Uzita ĝi estis en la poŝtejo BOLOGNA CENTRO C P kaj ĝi montras flugantan kolombon. La kongresa temo estis: Esperanto: Vojo al la paco. La kongreso okazis en Bologna, 29.08–08.09.1986. Salutojn el la kongreso mi ricevis ankaŭ de niaj Mario Amadei kaj Germano Gimelli, sur bela kolora karto kiu montras kolombon kun verda stelo. Desegnis ĝin Amadei, ĉu nia kluba amiko? Koran dankon al niaj italaj geamikoj pro la informoj!

**GDR 30**

funkcias inter la 15a decembro 1986 ĝis la 14a januaro 1987 en la ĉefpoŝtejo de Leipzig okaze de la "Tago de la Esperantolibro". La stampo estas blazonforma kaj montras la insignon de la Germana Laborista Esperantista Asocio (GLEA), kiu fondiĝis 1911 en Leipzig. Memorigas pri tiu ĉi jubileo ankaŭ la stampo GDR 29 kaj la E-pk GDR 49. La stampon desegnis la grafikisto Joachim Schulze, aktiva Esperantisto. Li ankaŭ desegnis la stampon por IFER 1987, kiun hodiaŭ ni povas prezenti al vi. Ni kore dankas al samideano Joachim Schulze pro la disponigo de la stampo-desegnaĵoj al ni, kaj al nia kluba amiko Rolf Beau, kiu ĝustatempe informis pri tiu ĉi stampo. Cetere ambaŭ estas ĉeforganizantoj de la jam famaj IFER-oj en Leipzig.

### Pri JU 31

Nia Ivar Paulsson ricevis de samideano Stojan Kocevski el Skopje leteron kun sciigoj pri tiu ĉi stampo. Li sciigas, ke temas pri makedona lingvo en la stampo (38 MEDJUNARODEN KONGRES NA ZELEZNICARI ESPERANTISTI).

### Ĉu vere JU 31?

Nia Legris Michel post ricevo de LVL 69 demandis, ĉu tiu stampo el Skopje vere estas 31. Devus esti JU 32, ĉar jam pasintjare aperis JU 31 en Zagreb, 28.1–5.2.1985 okaze de la "Semajno de Argentino". Tiu sciigo min kompreneble denove ŝokis, ĉar ĝis nun neniu sciigis ion pri tiu ĉi stampo. Ankaŭ ne Almaŝi el JU, kiu membras en nia klubo. Do, kiu sendas detalojn kaj kopiojn pri tiu Zagreba stampo al la redaktoro?

### Jen nepoŝta stampo el Ĉinio

Ondolinie pompas violkolora stampo sur memoriga koverto, kiun eldonis Lanzhou Esperanto Asocio de Ĉinio okaze de filatelia ekspozicio de LEA 15an de junio 1984. La stampo estas t.n. apudstampo kaj portas la tekston:

LANZHOU ROZO ESPERANTO 1984-06-15

La koverto portas maldekstre le faman Mao-eldiron pri Esperanto en reproduktaĵo. Dorsflanke sama teksto en la ĉina kaj en E. Estus interese, ekscii iom pli pri tiu ĉi filatelia ekspozicio. Kiu el niaj ĉinaj geamikoj tion povus sciigi?

Dankon al Song Shengtan pro la sciigo!

## Pri la poŝteco de la ĉinaj stampoj

Werner Simon demandis min, ĉu la ĉinaj stampoj vere estas poŝtaj, kaj kelkaj nefilatelistaj kongresanoj skribis el la Pekina UK, ke ne ekzistas poŝtaj stampoj por la Pekina UK. Por tuj trankviligi vin: ĉiuj ĉinaj E-stampoj estas poŝte uzitaj! Sed . . .

Mi petis sinjoron Ĉin Kajĝi, klarigi por ni la aferon de ĉinaj filatelaĵoj. Kaj li afable respondis:

". . . En Ĉinio poŝtmarkojn kaj markokovertojn (kaj pk) emisias la Ministerio de Poŝto kaj Telekomuniko de la Cina Popola Respubliko. Sed vendas ilin du ŝtataj oficejoj: poŝtoficejo kaj poŝtmarka kompanio. En nia ĉefurbo troviĝas la Centra Poŝtmarka Kompanio kaj en la diversaj provincoj estas ĝiaj filioj. Ekzistas do Pekina Poŝtmarka Kompanio, Kunminga Poŝtmarka Kompanio k.t.p. La poŝtmarkaj kompanioj pretigas unuatagajn kaj memorigajn kovertojn, sed ankaŭ memorigajn stampilojn. Tiujn stampilojn uzas kaj poŝtoficejoj kaj la poŝtmarkaj kompanioj por oficiale stampi.

La tri stampilojn por la Pekina UK pretigis la Centra Poŝtmarka Kompanio kaj la Pekina Poŝtmarka Kompanio. Desegnis ilin ankaŭ la desegnistino (grafikistino) Ren Yu (skribita laŭ la Han-lingva Fonetika Alfabeto Projekto), Esperant-lingve oni prononcas: Ĵen Ju. La 26a de julio ŝi estis dum la tuta tago en la kongresejo por doni aŭtografojn sur la markokoverto.

En la kongresejo (Hotelo de amikeco) estis giĉeto de la Centra Poŝtmarka Kompanio, kiu vendis la markokoverton kaj kun la du rondaj memorigaj stampoj. La nigra ronda estis unuataga stampo, kaj oficiale validis nur la 26an de julio por nuligi la poŝtmarkojn. La dua, ruĝa, estis tielnomata ornama apudstampo. Tamen fakte dum la tuta kongresa daŭro tiuj stampoj estis je dispono de la kongresanoj, kaj plej ofte troviĝas ankoraŭ normala datstampo sur la sendaĵoj.

La kolomboforma stampo troviĝis en la Pekina Poŝtmarka Kompanio kaj estis uzita nur la 26an de julio (10 kilometrojn for de la kongresejo!).

La E-stampon de Kunming pretigis la Kunminga Poŝtmarka Kompanio kun la datoj de 1985-08-23 ĝis 1985-08-29, kaj la Kunminga poŝtejo dum tiu tempo transportis sendaĵojn kun tiu stampo.

La E-stampon de Kunmin kaj ankaŭ la koverton desegnis amiko de mi, la fama grafikisto de la Pekina Poŝtmarka Kompanio s-ro Zhang Shuxian, kiu ofte desegnas unuatagajn kovertojn. La tekston dorsflanke verkis mi (Ĉin Kajĝi) kunlabore kun la LKK.

Mi mem longatempe instruis Esperanton en la Yunnan-Universitato de Kunming kaj tial havas bonajn kontaktojn al la tieaj E-istoj."

Jen la plej gravaj faktoj el la letero de Kaj ĝi. Koran dankon al li pro tiuj sciigoj, kiuj klarigis al ni la situacion. Ni do trankvile povas envicigi la ĉinajn stampojn en nian katalogon de poŝtaj E-stampoj. Se vi tamen estas maltrankvila, pensu pri iuj jugoslavaj, aŭ bulgaraj stampoj, kiuj neniam vidis poŝtejon, sed tamen estas poŝte rekonitaj kiel nuligaj oficialaj stampoj. Ofte la filatelio estas iom komplika afero . . .

## Aldono por Suplemento 85

La Suplemento 85 enhavas ĉiujn poŝtajn stampojn post aperigo de nia stampokatalogo 1983. Hodiaŭ mi notas la stampojn, kiuj aperis post nia Suplemento 85.

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| AR | 9 | Mar del Plata | 1984 19–21.4 | (bv tion korekti ĉe vi) | | |
| | 10 | Florencio Varelo | 1986 31.3 | Nacia E-kgr 46a | | 35 |
| AU | 20-1 | Wien | 1986 2.1–31.12 | Int. Esperanto Muzeo | ms | 31x23 |
| | 20-2 | Wien | 1986 samdate | sama | ms | 34x23 |
| BU | 15 | Pisanica | 1985 11–17.9 | Simpozio E kaj Turismo | ov as ru ni | 40x30 |
| ĈIN | 2 | Pekino | 1986 26.7 | UK 71a (terglobo) | ni | 30 |
| | 3 | Pekino | 1986 26.7–2.8 | UK 71a (stelo k Granda Muro) | ru as | 30 |
| | 4 | Pekino | 1986 26.7 | UK 71a (kolomboforma) | | 35x30 |
| GDR | 29 | Leipzig 1 | 1986 14.3–13.4 | IFER 86, GLEA-jubileo | | 35x40 |
| | 30 | Leipzig 1 | 1986 15.12–14.1 | Tago de E-libro (GLEA) | | 35x40 |
| HI | 26 | Vigo | 1986 16.7 | Nacia E-kgr 46a | | 33x39 |
| HU | 99 | Budapest | 1985 28.12/3.1 | VEF 15a | | 33 |
| ITA | 40 | Bologna | 1986 1.9 | Nacia E-kgr 57a | | 38 |
| JU | (?) | Skopje | 1986 18.5 | IFEF-kongreso 38a | 1) presita | 32 |
| | | | | | 2) stamp. | 32 |
| PO | 126 | Bydgoszcz 1 | 1986 3.2 | Int. ŝakturniro, 3a | | 40x29 |
| SVE | 28 | Örebro | 1986 3.5 | Nacia E-kgr | | 30 |

## Glumarkoj

### 22a Kataluna Kongreso de Esperanto en Lleida 31.10–2.11.1986

–1a eldono, Julio 1986, 100 folioj po 6 (3x2) samaj glm (60x65)
1) griza, 2) blua, 3) oranĝa, 4) flava, 5) ruĝa. Dentumitaj

–2a eldono, Julio 1986, 100 folioj po 6 (3x2), 3 malsamaj glm
12 variaĵoj po 100: Formato: 60x65
A: Nigra teksto kun 1) bruna, 2) ru, 3) oranĝa, 4) ora, 5) blua desegnaĵoj
B: Ruĝa teksto kun 6) nigra, 7) blua, 8) helblua, 9) verda, 10) argenta desegnaĵoj
C: Blua teksto kun 11) flava, 12) ora desegnaĵoj

–3a eldono, Septembro 1986, 100 folioj po 6 (2x3) samaj glm 6 variaĵoj po 100:
A: Blua teksto kun 1) ruĝa, 2) oranĝa, 3) flava desegnaĵoj
B: Ruĝa teksto kun 4) blua, 5) nigra, 6) flava desegnaĵoj.
Formato de glm: 108x35. Eldonis: J. Cervello

**Internacia Jaro de Paco 1986**
6 variaĵoj po 100 folioj kun 6 div. glm (3x2)
Nigraj desegnaĵoj kun 1) blua, 2) helblua, 3) ruĝa, 4) oranĝa, 5) viola, 6) ora tekstoj, ĉiam kun verda E-stelo
Eldonis: J. Cervello, 1986

**71a UK en Pekino 1986**
100 folioj kun 4 div. glm (2x2)
Eldonis: J. Cervello

**Estonio** (nedatumitaj)
9 koloraj variaĵoj de po 100 folioj kun po 4 div. glm (2x2)
A: Ruĝaj kadroj kun 1) blua, 3) karmina, 3) flava desegnaĵoj
B: Karminaj kadroj kun 4) blua, 5) flava, 6) ruĝa desegnaĵoj
C: Flavaj kadroj kun 7) blua, 8) karmina, 9) ruĝa desegnaĵoj
Eldonis: J. Cervello, 1986
Sinjoro Cervello sciigis, ke ĉiuj eldonoj ekzistas ankaú sur blanka kartono (po kvin) kaj nedentumitaj.

**ELF-AREK** (nedatumitaj)
2 variaĵoj: verda sur blua, verda sur flava
Kostas: 1 folio kun 10 glumarkoj. 1 IRK aú 1 DM

**ESPERANTOTUR**
trikolora memglua kofro-etikedo, 90 mm diametro, kun desegnaĵo kaj adreso de Esperantotur.

**Monda Turismo**
trikolora memglua kofro-etikedo 100x67 mm.

**Tekstila etiketo**
kun la teksto: EMIN CENTRUM SHOP – FIRMA ESPERANTO
adreso, kaj verda stelo. Istanbul-Turkio.

**ESPERANTO KLUBO LEIPZIG**
rondaj nedatumitaj glumarkoj kaj memgluaj markoj en div. koloraj variaĵoj. La kapo de leono estas parto de la urba blazono de Leipzig. Presis: Vilmos Radnai/Hungario

**MI LEGAS LA REVUON SAKSA KURIERO**
rektangula nedatumita glumarko, presita de V. Radnai.
SAKSA KURIERO estas informilo, kiun aperigas la Esperantoklubo de Leipzig kaj kies redaktoro estas Joachim Schulze. Tiu ĉi tre bona kaj daúre aktuala informilo sciigas ankaú pri novaj esperantaj filatelaĵoj.






**IFER 1986**
rondaj glumarkoj en pluraj variaĵoj. Presis Radnai.

**Glumarkojn vendas**
daŭre nia kluba amiko Vilmos Radnai. Li stokis multajn glumarkojn kaj proponas tiujn por via kolekto.
Adreso: Vilmos Radnai, Box 40, H-2331 Dunaharaszti, Hungario.

**Forgesitaj glumarkoj!**
Jam dum jardekoj aperadas "membromarkoj" de organizoj. Mi de multaj jaroj ĉiujare ricevas de uea "Membromarkfolion". Ja fakte estas glumarkoj. Ili havas la tekston "MEMBROMARKO/UEA 1986/Individua membro". Mi scias, ke ekzistas neesperantistaj kolektantoj, kiuj ĝuste kolektas tiajn kotizo-markojn de organizoj.

**Internacia Jaro de la Paco**
kun la emblemo de UNESCO (kolombo super manoj). Ekzistas pluraj variaĵoj. Eldonis V. Radnai.

**Internacia Jaro de Paco 1986**
kaj Mondpaca Esperantista Movado. Kun UNESCO-emblemo (kolombo super manoj). Verda memglua marko. Eldonis V. Radnai.

## Niaj tutaĵoj

**Suplemento por la E-pk de GDR**
En n-ro 66 de LVL vi trovis liston pri la E-pk de GDR. Hodiaŭ ni kompletigas tiun.

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 43.1 | 85/9 | IMEK 5a en Schwerin | 10 | 1000 |
| 43.2 | 85/9 | IMEK 5a en Schwerin | 25 | 250 |
| 44.1 | 85'9 | Javal | 10 | 1000 |
| 44.2 | 85'9 | Javal | 25 | 250 |
| 45.1 | 85/12 | Tago de la E-libro | 10 | 3000 |
| 45.2 | 85/12 | Tago de la E-libro | 25 | 250 |
| 46 | 86/2 | Jubilea emblemo (100 j.E) | 10 teksto en embl.) | 1000 |
| 47 | 86/2 | Jubilea emblemo (100 j.E) | 10 teksto ekster e.) | 1000 |
| 48.1 | 86/3 | IFER 86 | 10 | 3000 |
| 48.2 | 86/3 | IFER 86 | 25 | 250 |
| 49.1 | 86/3 | GLEA 75 jaroj | 10 | 3000 |
| 49.2 | 86/3 | GLEA 75 jaroj | 25 | 250 |
| 50.1 | 86/12 | Tago de la E-libro | 10 | 3000 |
| 50.2 | 86/12 | Tago de la E-libro | 25 | 250 |

**Markokoverto (tutaĵo) de Ĉinio 1986**
aperis 1986 okaze de la 71a UK. Vidu LVL n-ro 69.

**Markokoverto en Sovetunio 1987**
aperos 1987 laŭ sciigoj de kolektantoj el SU, kun portreto de Zamenhof en la surpresita pm. Aliaj detaloj ne alvenis.

**Pri la polaj tutaĵoj de 1986**
legu en LVL n-ro 69.

**E-pk de GDR 1987**
aperos laŭ la ĝisnunaj eksciοj okaze de IFER 1987, Centra Konferenco de GDREA, 100 jaroj de Esperanto kaj Tago de la Esperanto-libro.



## Aliaj pri ni:

**"La Philatelie Francaise"**
denove en majo kaj en septembro enhavis tutpaĝajn artikolojn pri E-filatelaĵoj de nia kluba amiko Amouroux. Dankon al li pro alsendo de fotokopioj!

**"Sammler-Express" 18/86 (GDR)**
Sur la paĝo 622 ni trovas artikolon pri la ĉina E-markokoverto el la plumo de doktoro Detlef Blanke (GDREA) kun foto.

**Kuba Televido**
En januaro 1986, 2.5 kaj 13.6 per kanalo 2 oni prezentis informojn pri E-filatelaĵoj. La prezidanto de Kuba E-Asocio donis la klarigojn kaj prezentis i.a. nian informilon La Verda Lupeo, nian stampo-katalogon 1983 kaj filatelaĵojn.

**Filatelia cubana**
En numero 1/1986 ni trovas sur la paĝoj 45-49 artikolon pri ni kaj nia hobio el la plumo de Hector Juarez Figueredo kun listigo de ĉiuj E-pm. Dankon al s-ano Figueredo pro la sciigoj.

**Werner Simon**
verkis artikolon pri esperantaj afrankstampoj por La Associazione Italiana (Kolektantoj de mekanikaj afrankstampoj). Tiu klubo havis kunvenon en Palanca kaj eldonis specialan libreton. Werner Simon estas lia honora membro pro elstaraj meritoj sur la kampo de esploroj de afrankstampoj en la mondo.

## Ni – en ekspozicioj

**Vladimir Vana**
prezentis sian orumitan ekspozaĵon pri la historio de Esperanto en internacia pm-ekspozicio en oktobro en Karl-Marx-Stadt/GDR. Bedaúrinde mi tiutempe estis en Hungario. De filatelistoj kaj esperantistoj mi aúdis, ke la ekspozaĵo posedis elstaran kvaliton, tiel laú la materialo kiel laú la aranĝo.

**Song Shengtan**
prezentis sian Esperanto-ekspozaĵon unuafoje en eksterlando, en la tutmonda pm-ekspozicio STOKHOLMIA. Li akiris broncan medalon. Ni gratulas al li pro tiu bela sukceso. La ekspozaĵo de Song Shengtan estis la unusola pri Esperanto en tiu ekspo.

**Cui Haijing**
prezentis sian ekspozaĵon sub la titolo "Kio estas Esperanto – En la filatelio ni konas Esperanto kaj memorigas la jubileon de Esperanto" en la 3a filatela ekspozicio de la Xinjiang-universitato de Urumqi, Okcidenta Ĉinio. Ni gratulas al Cui Haijing pro akiro de arĝenta medalo!

**Chen San**
estas la esperantista amiko de Cui Haijing en la ĉina Sichuan-provinco. Chen San pretigis ekspozaĵon sub la titolo "Esperanto – amikeca lingvo" kun 44 paĝoj kaj prezentis ĝin la 1an de julio 1986 en la 1a filtela ekspozicio de la Mianyiang-a instruista sekcio. La publiko kun granda intereso trarigardis tiun ekspozaĵon kaj tiel multe eksciis pri Esperanto. Gratulon al Chen San!

**Stefano Fekete**
prezentis ekspozaĵon kun la titolo "Esperanto kaj sociaj progresaj" en la SOCFILEKS 86 en Kolin/ĈS kaj akiris por ĝi arĝentbroncan medalon. Arĝentan medalon li ricevis por la ekspozaĵo "Hungara-franca Esperanto-rilatoj", kiun li montris en hungara-belga pm-ekspo 20–29 junio 1986. En septembro li prezentis E-ekspozaĵon en hungara-sovetunia pm-ekspo en Baku/SU.

## Venu al IFER 1987!

La Organiza Komitato de IFER '87 elkore invitas vin al la "Internacia Foira Esperantista Renkontiĝo 1987", kiu okazos unuafoje sub aŭspicio de UNESCO-KOMISIONO de GDR (!!!).

IFER 87 okazos sub la temo "Cent jaroj de Esperanto – Lingvo de interpopola kompreniĝo" de la 13a ĝis la 15a de marto 1987 en Leipzig/GDR.

IFER estas ankaŭ diskutejo por fakaj problemoj. Medicinistoj, poŝtistoj, ĵurnalistoj, forstistoj kaj komputistoj jam enprogramigis siajn fakajn kunvenojn. Kaj ĉiam vi povas renkonti en IFER plurajn el niaj klubaj geamikoj de ELF/AREK. Krome, ĝi ankaŭ estas Esperanto-filatela paradizo. La IFERa librostando ofertas abundon da esperantaj filatelaĵoj, insignoj kaj glumarkoj. Petu bultenon kaj aliĝilon de

KULTURBUND DER DDR
Organiza Komitato de IFER '87
K.-Kollwitz-Str. 115
Leipzig
DDR-7010

---

**La unua Kuba Esperanto-poŝtmarko!**
La Kuba Ministerio pri Komunikoj oficiale sciigis, ke la 16-an de marto 1987 estos emisiita 30-centava poŝtmarko okaze de "Centjaro de Esperanto". La marko estas verkita de Miguel A. Penăte, konata designisto de Kubaj poŝtaĵoj.
Raportis Héctor Juárez-Figueredo, Kubo.

**La stampobanko informas:**
Sendu viajn mankolistojn pri stampoj al la stampobanko! Tie kuŝas abundo da unuopaj stampoj, nelistigitaj en la ofertoj de la banko!

**ELF/arek-glumarkoj haveblaj**
Unu folio havas dek glumarkojn kaj ekzistas du variaĵoj. Kontraŭ unu dolaro (aŭ du respondkuponoj) vi ricevos la kompleton de du folioj. Skribu al Ivar Paulsson.

**Interŝanĝi E-filatelaĵojn deziras**
Marian Wojciechowski, ul. Chopina 20/19, PL-62-065 Grodzisk WLKP. Li estas 49-jara filatelisto kaj jam 20 jarojn aktiva.

Jen la unua al ni konata Esperanto-filatelaĵo okaze de la Jubilea Jaro. Estas poŝta stampo el GDR, kiu funkcios dum marto 1987 en la urbo Leipzig okaze de IFER 1987 kaj okaze de la 4a Konferenco de GDREA. Desegnis ĝin la grafikisto Joachim Schulze, Leipzig, GDR.

"esperantotur" en Pollando
aprigis serion de 3 bildkartoj okaze de la Internacia Jaro de la Paco 1986. El tiuj ni prezentas tiun ĉi kun la leondonta floro. Knabeto tie disblovas la florajn semflugilojn, kiuj portas ĉiudirekten la pacdemandojn pere de vento.



INTERNACIA
JARO
DE LA
PACO
'86





POLLANDO

esperantotur

Al ĉiuj niaj karaj klubaj geamikoj ni deziras

*Feliĉan Novan Jaron 1987*

*Rudolf Burmeister* *Ivar Paulsson*




# Cent jaroj de Esperanto

BULTENO

## Lingvo de interpopola kompreniĝo




LEIPZIG - GDR
13. - 15.3.1987